**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

ENHAVO

La kovrilo: Poŝtmarkoj 100-jara Jubileo de Esperanto.



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2° 4°
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
P° de la Constitución 35, 4°
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2° izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3° P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
Julio Herrero
Nontecorto 9, 3° 16ª
29014 MALAGA

# 40a DATREVENO DE LA FONDO DE HISPANA ESPERANTO – FEDERACIO 1947 – 1987

a) **KONKURSO** Temo: 40a Datreveno de HEF. Historio, personaj spertoj, memoraĵoj. ktp. "Lingvo Esperanto".
Maksimume: Du paĝoj de HEF-Boletin.

b) **KONKURSO** Temo: 40a Datreveno de HEF kaj Esperanto. Artikolo aŭ raporto publikigita en la hispanaj ĵurnaloj aŭ revuoj rilate al HEF.
Validas, ĉiuj oficialaj lingvoj el Hispanujo.

Materialon al la adreso de la ĉefredaktoro antaŭ la 1a de Majo de 1988.

**POR ĈIU KONKURSO TRI PREMIOJN**

1a. Diplomo kaj Dumviva membreco al HEF,
2a. Diplomo kaj kolekto da libroj.
3a. Diplomo kaj kolekto da libroj.

## HISPANA ESPERANTO–FEDERACIO EN LA KVARDEKA DATREVENO DE ĜIA FONDIĜO

La 15an de decembro de 1947, ĝuste kiam la valenciaj samideanoj festis la Zamenhof-tagon, ili ricevis la sciigon, ke "Hispana Esperanto-Federacio estis oficialigita.

Laŭŝajne la esperantismo en nia lando estis tute mortinta post la civila milito. En tuta Hispanio restis oficialigita nur la grupo "Frateco" de Zaragozo. Sendube la tiamaj cirkonstancoj estis malfavoraj por Esperanto pro la politika stato de nia lando kaj plie pro la mem senreviĝo de la postmilitaj esperantistoj. Tamen la esperantismo ne estingiĝis kaj ree vigle startis en 1947 danke al la valenciaj, katalunaj, aragonaj kaj kantabraj esperantistoj. De iliaj tiamaj klopodoj venas la nuna prospero de Esperanto en nia lando. Homojn de forta volo stimulas la plej malfavoraj momentoj, ĉar ili konscias, ke ĝuste en tiaj tempoj estas kiam plej necesaj estas la agado por la paco kaj la interkompreniĝo, celo de la esperantismo.

Ni memorigu, kun danko kaj gratuloj al la fondintaj esperantistoj, la kvardekan datrevenon de la oficialigo de HEF.

**G.M.E.**

## OMAĜO AL LA VALENCIAJ ESPERANTISTOJ

Ĉijare, Jubilea Jaro de Esperanto, ĝuste la 15an de Decembro, estas la 40a datreveno de la oficialigo de Hispana Esperanto-Federacio.

Eble, ne multaj hispanaj esperantistoj, atente analizis la signifon kaj gravecon de tiu historia evento, kulmino de grandaj penoj kaj multenombraj streboj de la hispana esperantista familio, el kiu estas necese, ke ni elstarigu la rolon de la valencianoj.

Por laŭdi laŭmerite niajn Valenciajn samideanojn, ni ne bezonas nin helpi per la brila historio de Valencio dum la unuaj jaroj de Esperanto en nia lando. Sufiĉas nur mencii la propran fondon de H.E.F.:

Estis, precipe la valencianoj, kiuj rompis la glacion de reakcia etoso tiam ekzistanta en nia lando kontraŭ ĉia signo de kulturo, progresemo kaj idealismo. En momentoj terure malfacilaj kaj eĉ danĝeraj, ili kuraĝis kaj kapablis starigi tutlandan asocion, neŭtralan, unuecan kaj enorme funkcie utilan, kaj tial akceptindan de diversopiniantoj, tiamaniere ke, ĉiuj homoj el la pluraj hispanaj regionoj povis momente forgesi sian propran kredon kaj politikan opinion por kunvivi kaj agadi nur kiel esperantistoj.

Tiu "miraklo" nur estis ebla, dank' al la prudento, saĝo, inteligento kaj matura penso de homoj tiel elstaraj kiel R. Herrero, L. Hernández, J. Bosch, M. Caplliure, F. Soler y Valls, V. Santamaria, J. Guzman, J. Forné, D-roj Llorens, Tudela, Poveda kaj aliaj, kies nomoj farus tre longan liston.

La hispanaj esperantistoj ŝuldas al ili eternan dankon. Per ilia konduto kaj programo ili forgesigis al ni tiujn oftajn kverelojn kaj senfinajn diskutojn kiuj fakte plenigas la historion de nia Movado, de la apero de la unuaj esperantistoj en Hispanio ĝis la komenciĝo de la civila milito.

Kaj mi volas profiti la Jubilean Jaron de Esperanto kaj la 40an datrevenon de la fondo de HEF, por flamigi tiun pacan kunvivadon kaj danki publike la Valenciajn esperantistojn pro tiu historia rolo.

**Antonio Marco Botella**

## KVARDEKJARECO DE HEF

De kiam en la 15a de decembro 1947, memorinda Zamenhof-taga dato, la samideanoj en Valencio atingis, ke ilia urbo fariĝis oficiale agnoskita sidejo de Hispana Esperanto-Federacio, ĝia tiutempe estraro kune kun skipo da kompetentaj esperantistoj, ankaŭ tieaj, diligente eklaboris por la reorganizado de la postmilita Esperanto-Movado nialanda.

En tiu laŭdinda tasko speciale distingiĝis, inter aliaj, du elstaraj esperantistoj, nome Luiso Hernández Lahuerta, kiu, anonime aŭ sub la famiĝinta pseŭdonimo "La legema koboldeto", majstre redaktis "Boletín"-on de HEF; kaj D-ro Rafaelo Herrero, kies pseŭdonimo "D-ro Cirano" ankaŭ fari-

ĝis tre konata, lige kun artikoloj kaj kunlaboraĵoj liaj daŭre aperintaj en la menciita "Boletín". Tiu karmemora paro krome elstaris kiel eminentaj oratoroj, posedantaj konvinkan kaj elegantan vervon.

Plie estas menciindaj pro sia tiutempa ĉefa rolo, s-anoj Johano Bosch, lerte zorginta kaj la rubrikon "La lernejo" kaj la HEF-Libroservon; Vincento Santamaría kaj Ernesto Hurtado, ambaŭ tre kompetentaj HEF-estraranoj; Jakobo Juan Forné; Rikardo Quiles k.a., kune kun la karmemoraj D-ro Danielo Llorens, kapabla Prezidinto de HEF; D-ro Ernesto Tudela, renoma vortaristo; Johano Devís, kunredaktinto de "Boletín"; Emilio Prades; Ernesto Guillén; Rafaelo Vizcaíno kaj aliaj same aktivaj samideanoj, kies nomojn bedaŭrinde la subskribinto ne bone memoras.

Al tiu prestiĝa skipo, tiom fervore pionirinta en Valencio, la hispana samideanaro ŝuldas kaj la oficialan fondiĝon de HEF, kaj la restarigon de la Esperanto-Movado en Hispanujo. Tial, okaze de la nun jubileata kvardekjara datreveno de tiu evento, endas danke rememorigi la bravajn esperantistojn tieajn, kiuj jam frutempe montris al ni la irotan vojon. Honoron al ili!.

**V. Hernández Llusera**

---

## KVARDEK JAROJN POSTE

---

De kiam finiĝis la hispana intercivitana milito, ĝis la oficialigo de la HISPANA ESPERANTO–FEDERACIO en 1947, forpasis ok jaroj, ŝajne senfina postmilita periodo. Kaj de kiam Esperanto ree estis leĝe agnoskitaj en Hispanujo ĝis la reokazigo de nova landa Kongreso en 1951, kvar jarojn oni ankoraŭ devis atendi. Intertempe, de 1939 ĝis 1947, Esperanto nur aktive povis vivi en la koroj de postvivantaj esperantistoj kaj en privataj, do eksterleĝaj, rondoj.

Dum tiu periodo katakomba — dum tiu senstela nokto — Esperanto nur spiradis en kaŝiteco kaj en la alsopiremo de veteranoj kiuj fide, sed maltrankvile, atendadis iom fantazie, ĥimere, novan aŭroron. Favoraj cirkonstancoj alvenintaj nur pro la, eble riska, diskreta sed firma agado de valencia samideanaro, kapablis disŝiri la nigrajn vualojn de nokto persista: dank' al ili, iom post iom la verda stelo, same kiel plej brilanta suno, invitis al novaj tagoj de fekunda esperantisma praktikado-misiado, kaj varbado. Do, la tuta Hispanujo vekiĝis "sub la sankta signo de l'Espero".

La katalunoj, kiuj dum tiuj obskuraj jaroj kapablis ankaŭ fide vigli, estis tuj pretaj al kunlaborado, kaj en Terrassa, la jaron 1951an, denove releviĝis la kurteno, tiu kurteno, kiu falis en 1936 tuj post la fermo de la lasta Hispana Kongreso de Esperanto, la 11a.

**Gabriel MORA i ARANA**

**Periodo de la 1a de julio de 1986 ĝis la 30a de marto de 1987**

**"BOLETIN".** Laŭ decido de la pasinta Ĝenerala Kunveno, nia organo aperis dumonate, nun jam estas en la poŝtoficejo la numero marto-aprilo, kaj estas en la Presejo "Gràfiques El Tinell" materialo por prepari la numeron Majo-Junio, kiu esence enhavos literaturajn artikolojn; tiun ci bultenon oni sendos remburse al la membroj, kiuj ankoraŭ ne sendis sian kotizon.

**ALIĜINTAJ ASOCIOJ.** Dum tiu periodo malmultaj novaj asocioj organizis sin; meritas mencii la oficialigon de Galega Esperanto–Asocio. Entute estas 46 Esperanto–asocioj kaj Lokaj Grupoj aliĝintaj al la Federacio.

**UNIVERSALA KONGRESO.** Danke al la elekto de taŭgaj reprezentantoj en Universala Esperanto Kongreso en Pekino, la hispana delegitaro ĉeestis kaj partoprenis aktive en la Komitataj Kunvenoj, nia ĉefrepresentanto Juan Azcuénaga, efike kaj diligente partoprenis en la plej gravaj decidoj de UEA, kiel: la elektadon de la nova estraro. La konfirmo kaj akcepto de diversaj raportoj, Internaciaj kontraktoj kun eldonejoj kaj eldonistoj, unu el la plej Grava estis kun Bulgara Esperanto–Asocio. Tri karavanoj estis organizitaj al Pekino kaj entute ĉeestis la Universalan Kongreson 38 hispanaj esperantistoj. Pri la 72a U.K. en Varsovio ni reliefigas la bonan akcepton de la esperantistaro pri la ĝenerala decido organizi unu solan karavanon. Nun kelkaj dekoj da esperantistoj el Asturio, Aragono, Valladolid, Murcio kaj Barcelono konfirmis sian vojaĝon per "Viajes Iberia". Pliaj informoj regule aperos en nia dumonata bulteno.

**JUNULARA SEKCIO – HEJS.** Nia junulara sekcio trapasis dum tiu periodo etan krizon pro la ŝanĝo de nova estraro. Feliĉe nuntempe ĉio estas jam solvita kaj la nova HEJS-estraro okaze de siaj labortagoj en tiu ĉi kongreso, planos kaj decidos la estontan agadon: Partopreno al la TEJO kongreso en Krakovo. Regula eldonado de la bulteneto HEJS-JUNECO. Organizado de Junularaj Grupoj en la aŭtonomaj komunumoj, plani la 12-an HEJS-Tendaron en Katalunio por la jaro 1988 kaj pli intensan kunlaboradon kun la HEF-estraro.

**FERVOJISTA SEKCIO – HEFA.** Daŭrigas sian agadon eldonante la bultenon Libera trako, tiu sekcio, regule organizas E-kursojn en sia sidejo en Stacio SANTS-Barcelono, kaj nuntempe komencis la demarŝojn pri la ebleco organizi internacian fervojistan kongreson en Katalunio por la jaro 1989.

**LIBROSERVO.** Gvidata de samideano Luis Hernandez atingis veran rekordon en la disvendado de Esperantaĵoj sekve ni indikas la nombrojn pri la jaro 1986.

Valoro de la libroj disvenditaj . . . . . . . . . . . . . . . . . 542.196.– p-toj
Valoro de la libroj aĉetitaj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 346.402.– p-toj

Elspezoj

Antaŭa kapitalo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 53.392.– p-toj
Favora saldo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 148.991.– p-toj

Libroservo sendis por la konto en Barcelono 45.000 p-tojn. Finfine tiel do restis kiel fina favora saldo 103.991 p-toj kaj grava stoko da libroj valorantaj ĉe 830.000 p-toj. Danke al la sukcesa agado de HEF-estraro aprobis la sugeston de s-ro Luis Hernández: uzi la profiton de la pasinta jaro kaj la eblan profiton de la nuna jaro por eldoni la informan ilustritan broŝuron kastillingvan "Esperanto el idioma para comunicarse sin obstáculos". Broŝuro kiun vi jam vidis en la kongresejo. La kvanto de la eldono estis 5.000 ekzempleroj kaj ĝia kosto estis 253.000 p-toj. Pro tio oni konsentis, ke ĉiu Esperanto-klubo aŭ Loka Asocio aliĝinta al HEF ricevus senpage 20 ekzemplerojn, sed la aliajn oni disvendos po 50.–ptoj (ĉiu ekzemplero).

**HISPANAJ KONGRESOJ.**– Tradicie ĉeestas niajn kongresojn pli malpli 230 gekongresanoj kaj la HEF-estraro konstatas ke iom post iom la hispanaj kongresoj pliriĉigas la kulturan programon; la laborkunsidoj kaj sciencaj kunvenoj, dediĉas pri turismaj celoj nur unu tagon. Laŭ nia opinio la nuna vojo estas la ĝusta kaj rekomendas al la estontaj Lokaj Kongresaj Komitatoj sekvi la nunan vojon. Finance la du lastaj kongresoj estas pozitivaj: De la 45a Kongreso en Kartageno restis favora saldo de 7.324 p-toj kaj de la 46a Kongreso en Vigo restis favora saldo de 36.938 p-toj. La menciitaj monsumoj eniris la konton de HEF en Barcelono.

**ELDONA FAKO KAJ TURISMA SEKCIO.** Pro malsano de familianoj de la respondeculino Inés Gastón, la tasko de la eldona fako dividiĝis.– La estraro de Barcelono okupiĝis pri la reeldono de la Vortaro Esperanta-Hispana de d-ro E. Tudela efektivigita kaj danke al la favora saldo de la administrado de HEF, danke al la amasa aliĝado al HEF de novaj dunvivaj membroj kaj anonima donaco. La reeldono kostos al ni 260.000.– p-tojn.

–Kaj libroservo en Valladolid kiel ni jam indikis antaŭe eldonis la Informan Ilustritan Broŝuron.

Tiel do, entute HEF investis pli ol 500.000.– p-tojn.

La Turisma Sekcio atingis vere sukcesan agadon pro la malavara eldono de la Hispana Ministerio pri Turismo de 15.000 ekzempleroj de 28-paĝa turisma broŝuro, bele ilustrita, kiu estas jam nun sendita tra la tuta mondo. Ĉiu aliĝinta Esperanto-Grupo ricevis senpage 75 ekzemplerojn; se iu ajn Grupo deziras pli oni devas peti rekte al la Ministerio. En tiu ĉi projekto kontribuis kaj kunlaboris gesamideanoj el Sabadell, Madrido kaj Valladolid.

**INFORMA OFICEJO.** Tiu ĉi fako ne funkciis dum la pasinta jaro, sed, la estraranoj de Barcelono ne rezistis la tenton relanĉi ĝin. S-roj Josep Miranda

kaj Agustin Boix preparis kaj sendis al la ĵurnaloj, informagentejoj kaj radioj, informilon pri la plej gravaj okazaĵoj de nia Esperanta movado, en kastilia kaj kataluna lingvoj. La rezulto estis plena, ĉar kelkaj ĵurnaloj kiel LA VANGUARDIA, plublikigis parton de nia informilo. Ankaŭ ni povas informi al vi, ke s-ro Julio Herrero el Málaga eble transprenos la gvidandon de nia Informa Oficejo.

**OFICEJO EN MADRIDO.** Daŭrigas sian agadon organizante Esperanto-Kursojn, Konferencojn, kaj kunordigas la oficialajn kontaktojn de la Federacio kun la aŭtoritatuloj en la ĉefurbo.

**SIDEJO EN BARCELONO.** La HEF-estraro plenumis laŭ sia ebleco la administrajn taskojn de la Federacio. Kunordigis la diversajn fakojn kaj sekciojn de la Federacio, ekspedis la HEF-Bultenon, kaj la turisman ilustritan broŝuron al la HEF-membroj, Esperanto-Asocioj kaj eksterlandaj kaj internaciaj Esperanto-Asocioj. La vicsekretario s-ro Josep Miranda prenis sur sin la respondecon prepari la adresaron per sia komputilo. Danke al tio, la estraro ne devas fari unu el la plej pezaj kaj monotonaj taskoj. Se iu ajn fako aŭ sekcio, de HEF ne funkciis glate ni petas vian indulgon kaj komprenon. Ĉiuj estraranoj kaj respondeculoj estas je via dispono.

**"FUNDACIÓN ESPERANTO".** Gvidata de la HEF-prezidanto kaj s-rino Inés Gastón, kiel sekretariino, daŭrigis sian agadon organizante ĉiujare Internacian Literaturan Korkurson. Plie sekvas la kontaktoj kun la advokato en Barcelono, Angel Mestres, kiu zorgas pri la donaco de samideano Pedro Casanovas. Nuntempe ni devas atendi la lastajn decidojn de la urbestraro de Barcelono, ĉar la domo, parto de la donaco, estis malkonstruita kaj la tereno utiligita de la Barcelona urbrestraro por la konstruado de parko.

La prezidanto
Salvador Aragay

La sekretario
Víctor Ruiz

---

## 27aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

## VERDIKTO

NATURA FLORO KAJ EGLANTERIO: Simfonio verda de Timothy Brian
ROZO: La orhara junulino de Timothy Brian
VIOLO: Teologio de Timothy Brian
Honora Mencio: Neŭtraleco de Julius Balbin
PREMIO "Frederic Pujulà i Vallès: ne aljuĝita
PREMIO "Jaume Grau Casas": ne aljuĝita
PREMIO "Artur Domènech i Mas: ne aljuĝita

Prezidanto
**Gabriel Mora i Arana**

Estas evidente, ke iuj esperantistoj kritikos ĉi tiujn organizaĵojn, ĉar laŭ ili ne plene fidelas al la neŭtraleco, sed, kion fari? Plena kontentigo de la homo en kiu ajn aspekto de la vivo ne estas facile atingebla. Do, ni "ataku" la politikajn partiojn, ni "ataku" la ŝtatajn superajn instancojn, la sindikatojn, ni inundu tiujn oficialajn organizaĵojn de esperantaĵoj. Ni postulu de niaj registaroj pli seriozan atenton pri kaj por Esperanto. Ni sendu malpli da kongresajn rezoluciojn kaj ni iru al ili kun la vorto, kun la praktikado de Esperanto. Ni traduku politikajn alvokojn. Ni starigu grupojn en ĉiu politika organizaĵo kaj tiam estos, kiam Esperanto fariĝos vera praktikata lingvo. Eĉ la mesaĝo de amikeco, de nia kara Esperanto, influos favore en la decidoj de la politikaj altranguloj.

Tamen ni ne povos prezentiĝi antaŭ la registaraj instancoj se nenia forto nin apogas, tiu forto, karaj samideanoj troviĝas en la popolo. Esperanto tiurilate ne estas speciala movado. Ĝi bezonas la subtenon de tiu ordinara homo, kiu gape promenas surstrate, de tiu homo, kiu fanatika ĉeestas la piedpilkajn matĉojn, de tiu laboristo, kiu priatentas sian laboron. Resume ni bezonas la apogon de la popolo. Nenio funkcias se la popolo ne interesiĝas, kaj nenio sukcesas se la popolo diras ne. Do, ĝi estas la motoro. Se ni ne kapablas esperantigi la nomatan homon de la strato, fakte ni ne sukcesos. Nuntempe nia movado konsistas el bonkoraj homoj, kiuj ne scias atingi pli altan nivelon de akcepto por nia Lingvo. Ni daŭre estas —nia ronda familio—. Ni devos rompi tiun cirklon kaj etendi nian laboron al ŝtupo de la socio. Evidente, tio ne signifas, ke ni devas lasi marĝene la intelektularon. Tamen, se granda homamaso subtenas nin, se surstrate oni aŭdas tre ofte paroli esperantlingve, se esperantisto ne plu estas —rara homo iam trovebla—, la intelektularo, la skeptikaj politikistoj devas nin akcepti, ĉar la forto de la popolo ilin devigos tion fari. Sed la vera forto, la energio de nia movado troviĝas en la popolo. Se por la 200-jara jubileo la stadio de Esperamto estas tre simila al la nuna, sen erari oni povas konsideri, ke Esperanto fiaskis.

Ĝis nun oni povas konsideri, ke la Esperanto-Movado metis solidajn fundamentojn. Ekde nun ni devas komenci konstrui la domon kaj por tiu eksterordinara konstruaĵo estas bezonataj multaj laboristoj. Kiam mi aŭdas al samideano diri: Esperanto bone progresas, mi preskaŭ ploras, ĉar rigardante ĉirkaŭ ni, mi konstatas, ke ni estas tre eta minoritato kompare al la monda loĝantaro. Dum ekzistos homoj, kiuj ne konas Esperanton, mi sentos min nekontentan, ĉar ankoraŭ estas farenda granda laboro. Ni ne rajtas fanfaroni pri kongresoj, renkontiĝoj, kursoj, ktp, anoncante la partoprenon de troigita ciferon da ĉeestantoj. Nia 100-jara ekzistado estas speciala momento por analizi kaj decidi pri nia estonta laborado. Ĉar la sukceso de Esperanto, nur radikas je tio, laborado, laborado kaj laborado. Eble prave vi pensas, ke

la tasko ne estas tiom facila, kio ja estas vero, sed ĉiu laboru laŭ siaj eblecoj kaj kapabloj, kaj la rezulto, mi estas certa florigos nian idealon. Militon al la pasiveco, malpermesata la maldiligenteco, ĉiu esperantisto estu gvidanto, agento, aganto, agitanto. Karaj samideanoj tiu estas la nura vojo al la venko.

Pli supre mi jam skribis pri la sukceso de Esperanto, kiel lingvo, estas neniu, ke tiucele povos nin kritiki. La taŭgeco de Esperanto estas kaj estos milfoje provita kaj aprobita. Ĉi tiuj cent jaroj montras tion al la skeptikuloj. Krom tiu perfido de s-ro Beaufront, kun lia Ido, Esperanto, kiel lingvo vivis en la plej perfekta unueco. Kia movado en 100 jaroj de vivo ne travivis skismon? Malmultaj povas fieri tiurilate. Estas vero, ke en la pura lingva tereno ofte aperas iu inteligentulo, kiu deziras aldoni aŭ forigi ion el la fundamentaj bazoj de Esperanto. Estas vero ankaŭ, ke niaj saĝuloj ofte kverelas pro tiu aŭ alia analizado de la lingvo. En multaj okazoj, unike temas pri personaj pretendoj. Sed la esperantuja popolo restas for de tiuj personaj kvereloj, ekzemple pri tiu de ita-ata. Estas iuj lingvaj proponoj de modifoj, kiuj estas tiom, sensignifaj aŭ strangaj, ke unika okazigas ridetojn. La ordinara esperantisto, tiu kiu ofte forgesas meti la akuzativon, restas senmova, ne interesiĝas pri tiuj lingvaj kvereletoj. Estas kvazaŭ instinkte li komprenus, ke malgraŭ la pravaj aŭ malpravaj sugestoj de niaj Esperantaj saĝuloj li devas resti, kvieta, senmova, ĉar la danĝero ne estas granda kaj Esperanto pluvivos. Kio okazus, se la ordinara esperantisto prenus parton en tiuj lingvaj kvereloj?. Nu, ĝi estus la fino de Esperanto. Feliĉe la bazo de la esperantistaro estas forta, sekura, la ŝtormoj, kiuj de tempo al tempo skuas la plej altajn brancojn de la esperantismo havas nenian efikon, ĉar la radikoj de la arbo alkroĉiĝas forte al la grundo de Esperantujo.

Mi ne scias, kara samideano, ĉu miaj opinioj ĉi tie eksponitaj estas ankaŭ la viaj. Mi ne estas profeto, nek mi estas homo en posedo de la vero. Mia intenco estas analizi aŭ studi la stadion de nia Esperanto-Movado kaj la laboron farendan, laŭ propraj kriterioj. Eble viaj vidpunktoj estas aliaj, eĉ tio sendube estas bona por Esperanto, ĉar unuiĝante niajn fortojn ni povos trovi la plej adekvatan vojon por vera triumfo de Esperanto.

**Luis Serrano Pérez**

---

# IMPRESOJ PRI

## "ANALOJ DE LA ESPERANTA MOVADO en HISPANIO"

Freŝdate aperis libro en Hispanio, kiu miaopinie, jam de tempo sentiĝis bezonata. Mi ne pretendas fari pri ĝi kritikon, unue ĉar neniu petis ĝin al mi, kaj due ĉar mia tiurilata kompetenteco ne atingas sufiĉan gradon. Espereble siatempe ni legos ĝin el plumoj pli aŭtoritataj kaj tiam ni povos koni la mezuron de ĝia enhavo. Tamen, kiel ordinara esperantisto mi volas esprimi mian personan opinion pri ĝi.

Post ĝia legado mi sentas la devon diskonigi ĝian utilecon por iel rekompensi la laboron de la verkinto; kaj ankaŭ bedaŭri, ke se iu esperantisto pro elĉerpiĝo de la eldono aŭ pro alia kaŭzo, ne akirus ĝin.

Nun mi konstatas, kiel malmultaj homoj en nia lando havas fundan konon pri la baza konsisto de nia Movado. Oni konis ja detalojn pri plej elstaraj okazaĵoj laŭ citoj de aliaj personoj, citoj kiuj ne ĉiam respondis al la realo. Nun, kun "Analoj..." enmane ni povas ekscii preskaŭ ĉiujn konindajn erojn de la Movado en Hispanio ekde la unuaj momentoj. Legante ĝin mi sentis grandan ĝojon ĉar mi ekkonis epizodojn pri homoj kaj urboj, kiujn neniam antaŭe, dum mia pli ol 50-jara esperantista vivo, mi povis supozi, fakte okazintaj. Mi opinias, ke ĝi estas libro, aŭ pli ekzakte dokumentaro, kiun nepre devus posedi ĉiu serioza esperantisto. Bildoj, figuroj, anekdotoj ŝpruce aperas en ĝiaj paĝoj, kiuj entuziasmigas la leganton. Marco Botella obstine, entuziasme, strebe esploris centrojn, arkivojn, bibliotekojn kaj sciis arte kompili kaj majstre kunordigi ĉiujn konindaĵojn de la Movado en Hispanio. Mi miris, ekzemple, antaŭ la fakto, ke pri Vicente Inglada, akademiano de la unua periodo, li konigas tian kvanton da detaloj, kiuj en la Biblioteko de Gabriel Miró, en Alicante, lia naskiĝurbo, ne troveblas. Supozante, ke iam alia homo kuraĝus entrepreni la taskon verki novan historion de nia landa movado pli kompleta, "Analoj..." estus neforigebla konsultilo por la verkado de tiu alia libro.

Ni scias, ke gis nun ankoraŭ neniu plaĉis al ĉiu, sed kion oni ne povas ne agnoski estas, ke Marco Botella faris kolosan laboron kaj tre gravan kontribuon al la celo de nia Movado.

Ĉiu konscia esperantisto devas esti al li tre danka, ĉefe kiam ni scias, ke li "... destinas unue sian verkon al tiuj homoj, kiuj dum jarcento ne nur ebligis per sia obstina strebado la disvastigon de la internacia lingvo en Hispanio, sed faris al tiu celo, puran idealon kaj pacan instrumenton.".

**M. López Serna**
**Alicante**

# PENSOJ DE ZAMENHOF

## EL "POST LA GRANDA MILITO. 1915".
## "ALVOKO AL LA DIPLOMATOJ"

Transdonante ian terpecon al la homoj de tiu aŭ alia gento, vi ĉiam faros maljustaĵon kontraŭ aliaj homoj, kiuj havas la samajn naturajn rajtojn koncerne tiun terpecon. La sola efektive justa decido, kiun vi povas fari, estas: laŭte proklami kiel oficialan, firme interkonsentitan kaj plene garantiitan decidon de ĉiuj eŭropaj regnoj la sekvantan elemente naturan, sed ĝis nun bedaŭrinde ne observatan principon:

**Ĉiu lando morale kaj materiale plene egalrajte apartenas al ĉiuj siaj filoj.**

Tio estas, ke en sia privata vivo ĉiu civitano en ĉiu regno havas plenan rajton paroli tiun lingvon aŭ dialekton, kiun li volas, kaj konfesi tiun religion, kiun li volas; ke, se en la institucioj publikaj estas uzata unu sola regna aŭ loka lingvo, tio estas nur poroportuneca cedo de la malplimulto al la plimulto, sed ne humiliga tributo de gentoj mastrataj al gento mastranta. Ĉar la gentaj nomoj, kiujn portos ankoraŭ multaj regnoj kaj provincoj, estas la ĉefa kaŭzo, pro kiu la loĝantoj de unu supozata deveno rigardas sin kiel mastroj super la loĝantoj de alia supozata deveno, tial ĉiu regno kaj ĉiu provinco devas porti ne la nomon de ia gento, sed nur nomon neŭtrale-geografian.

Plej bone estus, se anstataŭ diversaj grandaj kaj malgrandaj eŭropaj regnoj ni havus iam proporcie kaj geografie aranĝitajn "Unuigitajn Ŝtatoj de Eŭropo". Sed se nun estas ankoraŭ tro frue, por paroli pri tio, oni devas almenaŭ per oficiala kaj interkonsentita akcepto de la supre dirita principo forigi tiun grandegan malbonon, tiun senfinan fonton de konstantaj bataloj, kiun prezentas la identigado de lando kun gento.

Kiam la supre dirita principo estos oficiale fiksita per garantiita decido de ĉiuj eŭropaj regnoj, tiam malaperos la ĉefa kaŭzo de militoj kaj konstanta reciproka timado kaj senfina armiĝado, ĉar tiam oni jam neniam kaj nenie povos diri, ke "la patrujo estas en danĝero".

**H A L E**

**HISPANA ASOCIO DE LABORISTAJ ESPERANTISTOJ**

Post decido de la SAT kongreso en Sant Cugat del Vallès en 1986 fondi hispanan LEAon, komisiono konsistanta el diversaj regionaj kamaradoj, komencis la taskon verki la koncernan Stataton kaj fari la diversajn demarŝojn ĉe la ŝtataj aŭtoritatoj por oficialigi nian Laboristan Esperantistan Asocion. La tasko estis laciga, ĉar ĉiu burokrata problemeto deviganta konsultojn inter la membroj de la komisiono kaŭzis longdistancajn kontaktojn kaj sekve prokrastojn. Fine la Ministerio pri Internaj Aferoj de nia lando aprobis la fondon de H.A.L.E. Hispana Asocio de Laboristaj Esperantistoj, la 22an de julio 1987.

Plenuminte tiun burokratan taskon mi, kiel kunordiganto de la dirita komisiono, konsultas vin per tiu ĉi cirkulero adresita al ĉiu SAT-ano, membroj en Hispanio, kiujn ni supozas simpatiantaj la celon de la Asocio, por prezenti nian eventualan agadprojekton, kiun vi povos kompletigi per viaj proponaj sugestoj kaj eĉ per kompleta agadprojekto.

Por ekfunciigi la Asocion nia unua celo, kiel apriore proklamas la Statuto, estas propagandi Esperanton en la laboristaj medioj. Tiucele ni redaktos propagandilon, kiun ni sendos al diversaj Sindikatoj, proponante gvidi kurson en siaj propraj lokaj sidejoj. Okaza de akcepto, esperantistoj el la koncernaj urboj gvidos la kurson. Se en tiu urbo ne ekzistus esperantisto, ni penos gvidi kurson per korespondado. Ni starigos Centrojn por "Perkoresponda Kurso" en Callosa de Segura kaj Sabadell kaj proponos por malvolvi tiun taskon najn k-dojn Francisco Zaragoza kaj Vicente Hernández Llusera, ambaŭ sufiĉe spertaj en tiu aktivado. Siatempe ni eldonos gazeton kiel organon de la Asocio.

Por subteni la aktivadon de la Asocio ni starigos jarkotizon, kiun ni definitive fiksos konsente kun nia membraro en Valencio, okaze de la proksima HEF kongreso.

De tiu ĉi momento ni konsideras membroj de nia Laborista Asocio ĉiujn hispanajn SAT-anojn. Ni ekskludos la membrecon nur de tiu, kiu skribe komunikos al ni sian decidon ne aparteni al nia Asocio.

Kiel provizora gvida komitato devas plu funkcii, ĝis la membraro konfirmos ilin aŭ elektos aliajn, la membroj de la Organiza komisiono, k-doj Giordano Moya Escayola, el Terrassa; Antonio Marco Botella, el Zaragoza; Joan Manau i Valor, el Sabadell; kaj mi mem, el Callosa de Segura, en kunlaboro kun la peranto de SAT en Hispanio, Ramón Manau Torres.

Mi proponas kiel provizoran kotizon 300 p-tojn ĝis difinitiva interkonsento. Tiu kvanto servos por financi la devigajn elspezojn por agado de la Asocio. Mi sugestas sendi tiun kotizon al k-do Ramón Manau Torres, peranto de SAT en Hispanio, eble per la sama ĝirilo per kiu vi sendos la jarkotizon por SAT, nur klarigante "La kompago de 300 p-toj por HALE".

Kun la espero, ke ĉiu SAT-membro bonvenigos kontentige Hispanan Asocion de Laboristaj Esperantistoj en Hispanio.

**José Ma. Bernabéu Franco**

# IOMETE PRI LA HISTORIO KAJ ARTO DE NIA NUNJARA KONGRESURBO, VALENCIO

La unua urba nukleo de Valencio estis konstruita de la iberoj, eble ĝi estis la urbo Tyrin menciita de Aviano. La nuna Valencio havas sian originon en la urbo konstruita de la roma Konsulo Decio Junio Bruto en la jaro 137 de K. Estante roma kolonio (Valentia edetorum) apogis Sartorio-n kontraŭ Pompeyo, kiu preskaŭ detruis ĝin. Ĝi havis jurisdikcian monaĥejon, kiu apartenis al tiu de Tarako (Tarraconense), kaj havis la privilegion posedi propran monspecon.

Okupita de la vizigotoj ĝis la jaro 430, ĝi estis konkerita de la araboj en la 714-jaro. Ĝia pligrandiĝo kiel urba centro iris samritme kaj paralele je tiu de la agrokulturo, kiun komencis la romanoj, kun la konstruado de la unua irigacia sistemo de tiu regiono. Valencio atingis gravan malvolviĝon dum la araba regado kaj la nomata Mezepoko. La rilatoj inter la kampo kaj la urbo stimulis la aperigon de la produktoj, faritaj mane.

Je la fino de la 10a jarcento, en nia kongresurbo loĝis cirkaŭ 15000 homoj. Tiutempe Valencio, la ĉefa urbo de nedependa regno, kiu formiĝis post la disfalo de la Kalifato en la jaro 1035. Sieĝita de Alfonso 6a, ĝi estis konkerita du jarojn poste de la fama Cid kaj ĝi restis sub la kristana regado, ĝis ĝia okupado fare de la "almoravidoj" (1), en 1102. Jaume 1a rekonkeris ĝin en 1238, kaj reloĝigis ĝin per aragonaj kaj katalunaj gentoj. Jaŭme 1a ankaŭ distingis ĝin per propra leĝaro.

Dum la regado de Alfonso 4a, 1327-38, komenciĝis la vera epoko de prospero, kiu daŭris ĝis la jarcento 16a. Valencio estis la financa centro de Hispanujo dum la regado de la Katolikaj Reĝoj. En nia Valencio komenciĝis la milito de la "Germanias" (2). La forigo de la araboj malfavore influis la ekonomion de la urbo.

Dun la milito de la "Sucesión" = Rajtoj al la Trono, Valencio apogis la arkidukon Carlos kaj oni nuligis ĝian privilegian leĝaron, en la jaro 1707.

En tiu milito por la Nedependeco Valencio ribeliĝis kontraŭ la francaj armeoj, sed ĝi estis okupita de Generalo Suchet, en 1812. En la jaro 1814 alvenis al Valencio Fernando 7a post sia ekziliteco en Francujo, kaj en ĉi tiu urbo li nuligis la Konstitucion de Cádiz. Valencio havis gravan reliefon en la politikaj okazaĵoj dum la 19a jarcento, epoko en kiu abundis la grupoj de liberala tendenco. Kiam oni starigis la unuan Respublikon komenciĝis en Valencio kantona tendenco, kiu fiaskis pro la milita interveno de Generalo Martinez Campos. Kun la ekspansio de la oranĝoj, kiu komenciĝis en la dua duono de la 19a jarcento, Valencio fariĝis la ĉefa eksporta marhaveno. En la jaro 1857 Valencio havis 100.000 loĝantojn kaj en 1900, 200.000.

Valencio estis ankaŭ tre grava centro de la laborista movado, tre tendenca al anarkiismo, en la unuaj jardekoj de la nuna jarcento. En du okazoj nia

nunjara kongresurbo estis sidejo de la Respublika Registaro dum la civila milito 1936-39. Fine ĝi estis okupita de la nomataj "naciaj fortoj" en la jaro 1939.

En la provinca Muzeo de Belaj Artoj troviĝas multaj dokumentoj pri arkeologio, de la epokoj romana kaj kristana. De la tria jarcento estas nekropolo de Boatalla. De la vizigota epoko, ankoraŭ estas en la muzeo marmoraj pecoj kun skribaĵoj. De la romanika epoko estas la Pordo "del Palau", de la periodo gotika-primitiva estas la preĝejoj de San Martín, Santos Juanes (1368), Santa Catalina, San Nicolás kaj la katedralo, kiu estis komencita en la jaro 1262.

Al alia periodo pli proksima de la gotika stilo apartenas la Pordoj de Serranos kaj Cuarte, Miguelete kaj la pordo de la Apostoloj kaj kupolo de la katedralo. La vendohalo estis konstruita inter la jaroj 1483-1498, laŭ la stilo gotika– "flamígero" (3). La renasanco komenciĝis en Valencio, kun la reliefoj de la malantaŭa parto de la ĥorejo en la Katedralo, la fasado de la Palaco de la Amabasadoro Vich, en la provinca Muzeo. Apartenas al tempo, pli proksima al ni la fasado de Santo Domingo kaj la klostro de la "Colegio del Patriarca" farita de Guillem del Rey. La influo de la stilo "escurialense" (4) estas videbla en la preĝejoj de "San Miguel de los Reyes", del Carmen kaj "Virgen de los Desamparados". La baroka stilo motivis la renovigon de iuj gotikaj preĝejoj. En la jarcento 18a oni konstruis la turon de "Santa Catalina", de J.B. Viñes kaj "el Temple" de Miguel Fernández.

**Notoj:**

(1) Almoravides = almoravidoj: Membroj de la tribu Atlas.

(2) Germanias = Germanioj: ribelo de la manufakturistoj kaj burĝoj de la urbo Valencio, inter la jaroj 1519-1523, kontraŭ la nobelaro, okaze de la pesto.

(3) "Flamígero: stilo gotika de la lasta periodo en la 15a jarcento.

(4) "Escurialense" arto nomata de la popolo kaj tiu de la Monasterio del Escorial.

**Luis Serrano Pérez**

## INTERNACIE

**"Internacia Foira Esperantista Renkontiĝo 1988"** de la 11a ĝis 13a de marto 1988 en Leipzig (GDR). Ĉeftemo de "IFER '88": Homo kaj Sciencteknika Revolucio. Kontaktadreso: Kulturbund der DDR (Kulturligo de GDR). Organiza Komitato de "IFER '88". Käthe-Kollwitz-Strabe 115. Leipzig DDR-7010, Germanujo.

## RONDO FAMILIA INTER SATANOJ

En la tuta vivo de Zamenhof, unu el liaj plej grandaj ĝojoj estis la unua granda festo de la esperantistoj; la Unua Universala Kongreso en Bulonjo. Ni ĉiuj ĝuis la tiean zamenhofan paroladon: "... ĉar hodiaŭ, inter la gastamaj muroj de Bulonjo sur Maro, kunvenis ne francoj kun angloj, ne rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj...".

Kaj jen dimanĉo, la 23an de aŭgusto, mi devas piki mian haŭton por kontroli ĉu ne temas pri sonĝo: en la sama teatro, ekzakte konservita interne, mi partoprenas kongreson en kiu denove bele fluas la internacia lingvo el la buŝoj de reprezentantoj de Anglio, Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Kanado, Nederlando, Pollando, Svedio kaj pluraj aliaj. Klare kaj kuraĝige parolis al ni Zofia Banet esprimante la bondezirojn de la polaj kamaradoj al SAT. Cele al fortikigo de la esperanta mozaiko parolis s-ro Maertens, de UEA, kun apogo al la laboro de SAT. D-ro Frank Hjalmar interesis nin pro la tiam establota kontrakto de kunlaboro inter SAT kaj AIS (Akademio Internacia de la Sciencoj, el San Marino). Yves Peyraut, prezidanto de SAT, akcentis la celojn de la Asocio kaj ĝia historio, ĉiam je la flanko de la laboristaro. Especiale li emfazis la distingon inter SAT kaj aliaj organizaĵoj klarigante, ke ĝi estas kaj restas PERsperanta asocio. Pripensinde, por nesatano kiel mi: kiuj aliaj POR-esperantaj organizaĵoj tiom multe faris por nia lingvo? Kaj fine, G. Waringhien regalis nin per dokumentita prelego pri zamenhofaj diroj.

La akcepto en la belega urbodomo estis solena, kun paroladoj de la urbestro kaj de la prezidanto de SAT. Ambaŭ parolis en la franca, kun esperanta traduko. La urbestro rimarkigis la malfermitecon de Bulonjo tra ĝia historio, la suferojn de la loĝantoj dum la dua mondmilito, kiam kvar kvinonoj de la urbo estis detruitaj. La estonto de la urbo estos brila: tre proksime jam oni komencis konstruon de la Eŭrotunelo, kiun oni finos en 1993. Interalie, trajna veturo inter Parizo kaj Londono postulos nur 3 horojn kaj 15 minutojn. Franca ĉampano fermis la oficialaĵon kaj ni kuris por foti nin ĉiujn antaŭ la muregoj de la malnova Bulonjo.

Kelkaj paroladoj estis especiale allogaj pro la diskutoj en tre libera, plenrajta etoso. Sed ni parolu pri distraj vesperoj: krom en la granda salono de la kongresejo, ankoraŭ du fojojn ni estis en la teatro de Bulonjo. Krom la bele interpretita teatraĵo de Jerzy Fornal, ni multe ĝuis Kandid (senartifikulo) de Voltaire, prezentita de Morel. Tamen, kiam iu katalunino kantis, mi estis ravita. Apud mi sidis franco kiu, kiam ŝi komencis kanti, flustris al mi: fine, mi havas belan voĉon en Esperantujo! Internacia repertuaro, gitaro, plaĉa voĉo, tio estas Mariona, la agrabla surprizo por multaj.

Inter la prelegoj, elstaraj estis tiu de Silfer Giorgio pri poezio, tiu de d-ro Frank pri propedeŭtika valoro de Esperanto. Vidling projekto (lingvo skriba, kun elementoj de stenografio), estis trafe prezentita de Mirco Marcetta.

La 61a SAT-kongreso okazos en Brazilo, de la 6a ĝis la 13a de aŭgusto 1988. Por tiuj kiuj ial ne iros tiel malproksimen, SAT denove kunvenos en Eŭropo en 1989, en Germanio. Tute rekomendinda.

**O. Otero**

Ne malofte oni aŭdas paroli pri la ankoraŭ ne atingita disvasteco de Esperanto en nia lando. Oni diras, ke je la unuaj jaroj de ĉi tiu jarcento multaj oficialaj kaj privataj institucioj tre subtenis la Movadon, ke hodiaŭ ne okazas same kaj ke nia afero iras malbone. Bedaŭrindas tia sinteno inter ni, kiam Esperanto revigliĝas en Hispanio fare de novbakita esperantistaro. Miaopinie tio ne strangas ĉar temas pri personoj tre revemaj, ne realecaj, kiuj preskaŭ neniam laboras en la Movado, nek kunlaboras kun la aktivuloj. Tute simple: ili estas fakuloj pri defetismo. Kompreneble, mi malkonsentas kun ili.

Esperanto ne antaŭeniras en Hispanio ĉar ĝi nehavas prestiĝon. Prestiĝo kunportas socie akceptadon kaj rekonon, kaj inverse. Necesas pripensi tion serioze, se ni deziras agadi efike.

Nepra kondiĉo por ke iu akceptu ion estas havigi al tiu tion kion li opinias taŭga. Aliflanke, ni scias, ke per lerta propagando estas eble estigi kiun ajn kriterion en la ceteruloj. Krome memvideblas, ke por sukcesi en tia entrepreno necesas atingi, ke la popolo mem opiniu tute propra tion kion oni proponas al ĝi. Oni kontentiĝas kiam elektas "libere" ion, kvankam ofte la trompiĝo estu evidenta. Nu, kiel agadi?

Ĉar nia celo estas, ke la Internacia Lingvo estu akceptata kaj uzata de homamasoj kaj, aliflanke, la homo estas intelekto, volo kaj sento, ni devas labori atentante tiujn premisojn. Sed, ĉar unuj estas raciemaj kaj aliaj sentemaj, la strategioj uzotaj estu malsamaj akorde kun la personoj ricevontaj la mesaĝon. Tial, se temas pri intelektuloj kaj raciemuloj, oni devas klarigi al ili la konceptojn. Logiko, sistemo, strukturo kaj vero estas ŝlosilaj vortoj en tiuj kazoj. Se, kontraŭe, temas pri sentemuloj, ne taŭgas ekspono de ideoj sed de travivaĵoj. Vortoj kiel amo, libereco, sindonemo, justeco, egaleco kaj demokratio estas magiaj por ili. Kompreneble, ne konvenas troigi, ĉar ĉiuj emocias kaj komprenas. Tamen, necesas kolori la propran sintenon rilate al alia akorde kun la karaktero de la interparolanto.

Se ni atingas, ke li aliĝu al nia Movado, ni sukcesas. Alie, ni fiaskas. Pro tio, terura eraro estu intenci, ke unue la ceterulo deziru lerni kaj apliki la lingvon kaj, poste, ke li komprenu kaj amu ĝin. Tute inverse, unue ni devas klopodi por ke oni amu Esperanton kaj komprenu la avantaĝojn de ĉi tiu lingvo (eĉ emfazi la kvalitojn entenatajn en ĝi, se necese) kaj, poste, atendi ke la interparolanto sin decidu studi ĝin. Neniam forgesu, ke nepras konvinki la aliajn tiel ke ili opiniu ke ili agas tute libere.

Ankoraŭ pli. Se temas pri kontraŭuloj, oni devas sugesti; se pri neŭtralaj raciemuloj, klarigi la ideojn; se pri neŭtralaj sentemuloj, rakonti travivaĵojn kaj se pri indiferentuloj, moki la agadon de niaj kontraŭuloj. Neniam agadu rapide kaj senzorge. Unue observu kaj, due, agadu akorde kun la cirkonstancoj. Alie, ni stumblos senĉese kaj Esperanto ne akiros prestiĝon.

Tre utilas priatendi la agadmanieron de aliaj disvastigantoj de lingvoj. El tio ni lernos la manieron nuligi iliajn rezultatojn kaj, se taŭge, kiel konigi pli efike nian lingvon.

Ja, kvankam tre ofte interesatoj emfazas la saĝecon de la popolo, ĉi tiu agadas akceptante neracie la sociajn kliŝojn altruditajn al ĝi en ĉiu momento. Do, ĉar ni ne kapablas modifi la situacion, ĉar mankas al ni mono kaj personoj por sukcesi, ni profitu tian ĝeneralan emecon de la homo. Dum aliaj trompas la ceterulojn promesante sed ne havigante noblajn idealojn, ni helpu la personojn ĝui idealojn pere de Esperanto.

Ne utilas nervozi kiam ni defendas la zamenhofan lingvon. Prezentu nin certaj pri la valoroj entenataj en Esperanto, eĉ emocie, sed trankvile.

**Andrés**

---

## STAĜO EN AGDE (FRANCIO) 1987

---

La staĝado okazis de la 27a ĝis la 31a de majo en belega ĝardena loko, ĉirkaŭata de kamparo, situanta du kilometrojn kaj duonon inter la urbo kaj la maro. Tie kunvenis dudek kvin gesamideanoj (pli, malpli) en tre agrabla etoso eĉ por lerni aŭ praktiki nian karan lingvon. Ni ĉeestis klasojn ĉiutage, matene kaj vespere, entute kvin horojn, kaj krome la amikeca babilado dum la manĝadoj kaj la daŭraj promenadoj.

Estis utilega por mi tiu iom mallonga restado, ĉar mi profitis multe por enkapigi ĉion kiel eble. Tiom mi cerbumis, ke je la finoj de la tagoj, kiam mi enlitiĝis, ŝajnis, ke mia kapo "eksplodegos".

Preskaŭ ĉiuj ĉeestantoj estis franclandanoj, ekscepte brita profesorino, tre bona esperantistino, kiu ĉiam serĉis min kaj mian amikinon (ambaŭ katalunininojn) por promeni kaj babili samtempe.

La lastan tagon, posttagmeze, ni ekskursis al Agde kaj Kap-d'Agde. Du belaj turismaj urboj, la dua kun artefarita haveneto.

Ni vizitis novan arkeologian muzeon, kiu enhavas antikvajn subakvajn trovaĵojn eĉ la plej gravan nomatan "EFEBO", kiu estas tre bela bronza statuo eltrovita antaŭ dudek jaroj kaj apartenanta al la du-centjara epoko a. k.

Dum la trajna reveno al Barcelono, ni konis francan instruistinon, kiu interesiĝis por nia lingvo, kaj ni informis ŝin amplekse. Ŝajnis, ke ŝi deziris ĉeesti en la venonta Internacia Semajno en Sète por komenci la studadon. Mia amikino kaj mi propagandis al ŝi la movadon.

**Anna Cardo**

# 12a HEJS-Tendaro




Okazos de la 31a de marto ĝis la 4a de aprilo. La urbeto situas je 40 km de Barcelono, apud la fama montaro Montserrat. Plej gravaj programeroj: ĝenerala kaj federacia junularaj kunvenoj, kursoj de kataluna kaj esperanta lingvoj, laborgrupoj, ekskursoj, teatro, video-filmo,ktp.

**LOĜADO**: Junulara Esperantista Restadejo, Cami del Pou s/n. E-08691 Monistrol de Montserrat,Hispanujo. Prefere kunportu proprajn tendojn.

**KOTIZOJ**: Aliĝilo senpaga por eksterlandanoj.

**ATENTU!!** Ĉiu reprezentanto de oficiala landa sekcio de TEJO, aŭ komitatano de TEJO, ĝuos loĝadon en la Junulara Esperantista Restadejo kaj manĝadon kaj ĉiujn servojn de la HEJS-Tendaro senpage.

**INFORMOJ ĉe**: Jesús Armengol i Arbiol, Francesc Moragas 95-3-2°, E-08922- Sta. Coloma de Gramanet, Hispanujo.

---



**LA ESTRARO DE HISPANA ESPERANTO–FEDERACIO KAJ LA REDAKCIO DE BOLETIN, DEZIRAS AL ĈIUJ ESPERANTISTOJ KAJ FAMILIANOJ BONAN KRISTNASKON KAJ SUKCESAN JARON 1988**

# HEF – SIDEJO EN BARCELONO

**NOVAJ MEMBROJ**: Centro Cultural Almuzafes, I.L.E.I., Jesús Miguel García, José Manuel Conde, Modest Tuset i Panet, Rosa Maria Moro kaj Manuel Ortiz Pérez.

**AVIADILA KAJ AŬTOBUSA KARAVANOJ AL ROTERDAMO por la 73a U.K. de E.**

Tago de la eliro 22a de Julio. Tago de la reveno 31a de Julio.

**OFICIALA AGENTEJO**: Viajes Iberia, Rambla Estudios 130, 08002-Barcelona Tel. 317 93 20.

**UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN VALENCIO EN 1992**

La UEA-estraro pozitive interesiĝas pri la okazigo de la U.K. en VALENCIO en 1992. Tiel do la HEF-estraro daŭrigos la demarŝojn por prezenti al UEA taŭgajn kaj interesajn planojn pri: Universala Kongreso en Valencio, Antaŭkongreso, Postkongreso kaj TEJO-Kongreso. Esperanto-Asocioj kaj Kluboj, interesitaj pri la organizado de la Antaŭkongreso kaj TEJO-Kongreso, bonvolu kontakti la Sekretarion.



*S-ro Federico Mayor Zaragoza, nova ĝenerala direktoro de UNESKO, simpatianto al Esperanto.*

# HEF–KOTIZOJ POR 1988

Individua membro ............................ 1.500 pesetoj
Protektanta membro ............................ 3.000 "
Junulara membro (HEJS) ĝis 30 jaroj .................. 1.000 "
Emerita membro ............................ 1.000 "
Dumviva membro ............................ 30.000 "
La menciitaj membroj havas ĉiujn societajn rajtojn kaj ricevos la bultenon "Boletín" eldonitan de HEF.

* * * * *

Simpla membro ............................ 750 pesetoj
SM havas plenajn rajtojn por uzi la servojn de HEF, sed ne ricevos la bultenon "Boletin"

* * * * *

Kolektiva membro ............................ 60 pesetoj
Estas tiu, kiu aniĝas al HEF tra societo, asocio aŭ loka grupo aliĝitaj al la Federacio.
Tiu ĉi monsumo eniras entute en la Konton de Universala Esperanto-Asocio laŭ la regularo de U.E.A.

# UNIVERSALA ESPERANTO – ASOCIO

**Kotizoj por 1988**

| | | |
|---|---|---|
| MG | Individua Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-Movado ............ | 480 p-tojn |
| MJ | Individua Membro kun Jarlibro ............ | 1.200 p-tojn |
| MA | Individua Membro Abonanto (ricevas Jarlibron kaj revuon Esperanto) ............ | 3.000 p-tojn |
| MJ–K | Individua Membro kun Jarlibro kaj revuo Kontakto (por personoj ĝis inkluzive 25 jaraĝaj) ............ | 1.200 p-tojn |
| MA–K | Individua Membro Abonanto (ricevis Jarlibron kaj revuojn Esperanto kaj Kontakto) –por personoj ĝis inkluzive 25 jaroj ............ | 3.000 p-tojn |

**ALICANTE.**– La 28an de marto la Grupo Esperanto Alicante faris ĝeneralan kunvenon en kiu unu voĉe estis nomumita la jena komitato, prezidota de Francisca Sánchez Mayoral. La komitatanoj: estas Evaristo Verdú Gisbert, Francisco Sánchez Antón, Araceli Pinel Miguel, Rodolfo Canet Marín, Mariano Monsalve kaj Mercedes Pascual.

Post la kunveno oni vespermanĝis en tipa restoracio kaj la postan tagon ili vojaĝis al Elĉe, kie sub la palmoj ili frate kunestadis kun samideanoj el Callosa, Valencia kaj Cartagena.

**VALENCIO.**– "Patronato Municipal de Turismo – Valencia" eldonis en Esperanto belan ilustritan broŝuron kun koloraj bildoj. Ĝi enhavas bonvenon de la Urbestro, urboplanon, kaj informojn pri propraj klimato, historio, monumentoj, muzeoj, ĝardenoj, festoj gastronomio, hoteloj, noktaĵoj, aĉetado, festivaloj, foiroj kaj kongresoj, industrio, sporto, ĉirkaŭaĵo, kaj mara vivo.

**BARCELONO – PROVINCO**

La Prezidanto de HEF disertaciis:

28an de februaro en "Unió Excursionista de Catalunya" Olesa, pri la temo "Esperanto la lingvo plej facila en la mondo". Lia parolado estis anoncita per la publikigo de gvidfolio kun informoj pri Espeanto kaj la Esperantista Movado.

3an de aprilo en "Institut de Batxillerat" Lluís de Peguera, Manresa, okaze de la sesa jardeko de la Instituto.

7an de majo pri la Jarcento de Esperanto en "Auditori del Museu Comarcal de l'Anoia" sub la organizo de "Pares d'Alumnes Col.legi Ramon Castelltort" kaj "Secció Esperantista del Centre d'Estudis Comarcals Igualada.

**GIRONA**

Inter la diversaj aranĝoj de la Esperantista Semajno, la jaŭdon 24an de septembro okazis la prezentado de novaj verkoj en la librejo "Pla i Dalmau". Unue parolis Josep Masias de la Grupo Girona Espero, sekve Salvador Aragay, Prezidanto de HEF, kaj la aŭtoroj de la du prezentitaj verkoj: Giordano Moya de "La Homa Vivaventuro", kaj Jordi Carbonell de la traduko el Esperanto en katalunan lingvon de la verko de Marjorie Boulton "ZAMENHOF autor de l'esperanto".

**VIGO**

La Grupo Esperantista Vigués "Paco kaj Amo" inaŭguros en tiu urbo straton ESPERANTO. La inaŭguro koincidos kun la tago ZAMENHOF, la 15an de decembro. Pro tio ili ĝojas, ĉar en Vigo estos la unua strato tiel nomata en Galegio. Ili festos solene tiun eventon.



## DEZIRAS KORESPONDI

Ni estas geedza esperantista paro kaj ŝatus trovi korespondpartneron en Hispanio. Ni ambaŭ estas geinstruistoj en profesia lernejo kaj instruas la fakojn maŝinskribado kaj stenografio. Esperanton ni ambaŭ eklernis en 1982. Ni treege ŝatas legi, posedas multajn librojn, kaj amas seriozan, muzikon, operojn kaj sinfoniojn. Ni ŝatas havi scivolemajn leteramikinon —amikon aŭ geamikojn— kaj tre interesiĝas pri la vivmanieron en via lando, pri la moroj, pri vidindaĵoj en arkitekturo kaj naturo, ktp.

Edith kaj Horst Plümecke. Hegelstr. 31. MAGDEBURG. DDR-3010.

---

## REZENCO

---

Vladimir Ĉerkez. ESPANJA ESPANJA. Paĝojn 44. Formato 12.21,5 cm. Prezo 8-n. gld. Eldonis Asocio de jugoslaviaj volontuloj de la hispana armeo kaj Esperanto-asocioj de Beogrado kaj Sarajevo. Esperanta traduko de Vesna Skaljer-race. Esperanta redaktoro prof. d-ro Boĵo Popoviĉ.

Luksa libreto kun epopea poemo honore al la jugoslavaj volontuloj kaj iliaj falintoj en la hispana milito. Ĝi estas eldonita okaze de la kvindekjara datreveno al Jugoslavio de la volontuloj kiuj defendis la hispanan respublikon. Krom la poemo la libro enhavas interesan antaŭparolon de prof. d-ro Boĵo Popoviĉ kaj la adiaŭan parolon de Dolores Ibaruri al batalintoj de la Internaciaj brigadoj.

**G.M.E.**